// KELECO organo de Astura Esperanto Asocio

n-ro 37 (2) MARTO - APRILO/84



A D R E S O   D E   A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918   GIJON - 6

- - - - - - - - -

E N H A V O





## LA ENKONDUKARTIKOLO

Jen plian fojon mi staras antaŭ La Granda Tasko; plian fojon mensgape mi sidas antaŭ skribmaŝino plenumonta Ĝin. Facile estas Ĝin mencii; preskaŭ neeble Ĝin sukcese plenumi.

Nedubeble vi, kara leganto, konstatis , ke nia gazeto estas dumonata; certe vi rimarkas la kontentigan fakton, ke tiu ĉi modesta gazeto eĉ aperas regule.

Nu, ĉiu dumonate kaj urĝe premincitita far nia diligenta kompostisto, mi devas verki La Koncernan Enkonduk-Artikolon. Ĉiam, kiam mi travivas tian momenton, mian menson kaptas jena pripensado:

Konsiderante, ke mi estas absolute lerte intiligenta kaj, laŭ ĉia vidpunkto, senmezure intiligente lerta; Konsiderante, ke estas al mi ege malfacile (malgraŭ la antaŭe cititaj kvalitoj, pri kiuj ja neniu dubas) verki tiujn malmultajn liniojn, kiuj konsistigas Enkonduk-Artikolon,

Mi demandas: "Kiel diable elturniĝas tiuj ĵurnalistoj, kiuj, Nek Dumonate, Nek Monate, Nek eĉ Semajne, SED ĈIUTAGE! alfrontas similan Grandan Taskon plene sukcese? "

Kaj tia supre menciita pripensado, kelkfoje eĉ sukcesas iom ŝanceligi mian memfidon pri miaj jam antaŭe priparolataj kvalitoj, "pri kiuj ja neniu dubas"!

Dume mia demando restas sen respondo. Kiamaniere ili (tiuj ĵurnalistoj de la ĉiutago) elturniĝas por solvi La Grandan Taskon, restas por mi La Granda Mistero.

Ĉu vi kapablas al mi ĝin eksplikI...?

ADONIS.-

NIA ANTENO

## PRELEGO EN ĜUSTA MEDIO

En la "Instituto Nacional de Enseñanza Media" ("Nacia Gimnazio") de Candás (pr. kandas´), ĉarme-rava ĉemara urbeto de Asturio, havis lokon prelego sub titolo "Introducción al mundo del Esperanto" ("Enkonduko en la mondon de Esperanto") la 28an de marto. Grava estas la fakto, ke tiu prelego estis petata de la stabo mem de la Gimnazio, celante interesiĝon de la tieaj studentoj pri la Internacia Lingvo. Preleganto estis nia s-ano Alcibiades GONZALEZ MEANA. La aŭdantaro konsistis el pli ol kvindeko da gestudentoj kaj kelkaj profesoroj. Kelkajn minutojn post la komenco de la prelego aldoniĝis grupeto da gesamideanoj alvenintaj el Mĥono. La preleganton prezentis s-ro Juan-José MATEOS DÍEZ, profesoro de filozofio kaj ĉefa instiganto de tiu akto, kiu mem lernetas nian karan Lingvon. Kolego lia, la profesoro pri greka lingvo s-ro José SÁNCHEZ, ankaŭ lernis iom dum la tempo, kiam li estis profesoro en Madrido. S-ro MATEOS montris grandegan intereson por la ideo enkonduki Esperanton inter la tieajn gestudentojn. Tiu ideo ŝajnas tute realigebla, ĉar dum telefona interparolo, kiun la subskribinto kaj s-ro MATEOS tenis la 6an ĉimonatan, s-ro MATEOS diris, ke jam plurfoje siaj disĉiploj lin demandis pri organizado de novaj priesperantaj aktoj.

En la muroj de la vestiblo kaj de la koridoroj de la Gimnazio estis videblaj pluraj afiŝetoj faritaj de s-ro MATEOS mem por anonci, kelkajn tagojn antaŭe, la prelegon, kiu komencis precize je la 16.30, la horo antaŭdifinita, kaj daŭris ĝis la 18.10 horo, iom longa tempo, dum kiu nenia signo de enuo aŭ laceco evidentiĝis en la klasĉambro, kie la akto okazis. Tiu akto konsistis el du partoj. Unue la preleganto pritraktis la diversajn intencojn solvi la lingvan problemon ekde la epoko de sanskrito ĝis alveno de Esperanto; la kvalitojn kaj avantaĝon de tiu ĉi lingvo por la rolo de lingvo internacia; le riĉecon de la Esperanta vortaro; la lerneblecojn de Esperanto kaj la amplekson de ĉiaspeca Esperanta literaturo. Due la ĉe nigra tabulo faris detalan provlecionon pri la fundamenta gramatiko kaj la meĥanismo de afiksoj kaj de gramatikaj finaĵoj. La atentego de la geaŭdantaro estis konstanta.

Ĉio supre dirita, kaj la fakto, ke la Gimnazio de Candás situas en tre verdoplena loko, je preskaŭ 200 m de la lumturo, sur promontoro tutkovrita de ravaj herbejoj ĉie ĉirkaŭantaj la konstruon, pravigas la titolon de tiu ĉi kroniko. Ĉar la medio estis verdire ĝusta: verda astura pejzaĝo, verda Esperanta semado, verda junulara scivolemo... Ĉu verda trafiklumo en nia vojo al estonto?

Al. GO-MO.

La Felguera, en la 7-a de aprilo 1984.

# La verda komisarejo

## OFICIALA KOMUNIKO

La efika taĉmento "Zamenhof", dum sia lasta deĵoro en la teritorio de "HELECO", arestis la deliktulojn, kies fiagojn kaj nomojn mi sciigas ĉi sube. Ilia arestado okazis en la paĝo 10, numero 35.

La t.n. PECETIGITAJ, kiu uzurpas, en la linio 7ª, la oficon de s-ro PISTITAJ.

La t.n. SPICARO, kiu en la linio 10ª akaparas la taskon de s-ro SPICOJ.

La t.n. KRIBU, kiu uzurpas la metion de s-ro KRIBRU en la 18ª linio.

La t.n. SPICARON, kiu uzurpas la postenon de s-ro SPICOJN en la linio 21ª

La taĉmento "Zamenhof" krome konstatis la foreston de s-ro ĜIN inter s-roj ALDONU kaj AL, en la linio 19ª, kaj inter s-roj ELPRENU kaj EL, en la linio 25ª. La legantoj estas petataj informi ĉi tiun Komisarejon, se ili ekscian ion pri lia nuna restloko.

Koncerne la arestitojn, ili estis liberigitaj post ricevo de pokvin batoj, po unu per ĉiu stelpinto. La samon oni faris al tiuj, kiuj estis arestitaj de la taĉmento "Verdastelo", al kiuj rilatas la sekvantaj raportoj.

<u>Arestitoj en la teritorio de "Sennaciulo", numero 1 (944):</u>

La t.n. ARGENTINIA, kiu uzurpas la postenon de s-ino ARGENTINA en la titolo de la kovrilpaĝo.

La t.n. ARGENTINIO, kiu agas same rilate al s-ro ARGENTINO en la 3ª linio de la maldekstra kolumno de la sama paĝo.

La t.n. EN, kiu akaparas la rolon de s-ro JE en la linio 45ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 2.

La t.n. ESTAS, kiu, fuĝinte el Francio, altrudiĝis al la linioj 37ª kaj 41ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 11.

La t.n. KE, kiu, en la samaj cirkonstancoj agis tute en la linioj 38ª kaj 41ª de la samaj kolumno kaj paĝo.

<u>Arestitoj en la teritorio de "Esperanto", numero 935:</u>

La t.n. MANPLENO, kiu akaparas la oficon de s-ro PLENMANO en la linio 26ª de la dekstra kolumno de la paĝo 182 kaj en la linio 30ª de la dekstra kolumno de la paĝo 189.

La t.n. REPRESIĜIS, kiu uzurpas la postenon de s-roj ESTIS kaj REPRESITA en la linio 7ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 198.

<u>Arestitoj en la teritorio de "Heroldo de Esperanto", numero 1(1724):</u>

La t.n. FENOMENO, kiu sin prezentis en la linio 1ª de la kolumno maldekstra de la kovrilpaĝo kontraŭleĝe ornamita per la finaĵo "n".

La t.n. DE, kiu, en la sama kolumno, linio 16ª, forprenis de s-ro DA la rolon.

La t.n. POENTOJ, kiu kuraĝas dufoje prezentiĝi sen la deviga finaĵo "n": en la linioj 9ª kaj 13ª sub la titolo "Verda Olimpiko", tria kolumno de la paĝo 4.

<u>Arestitoj en la teritorio de "Kara amiko !", numero 23:</u>

La t.n. DA, kiu altrudiĝis al la linio 8ª de la paĝo 4 malebligante s-ron LETEROJ

daŭrigo en paĝo 5

# REKOMENCI



Mi opinias, ke "Rekomenci" estas la ĝusta traduko de la fama filmo "Volver a empezar". Ĉi tiun titolon, vi, amanto de la sepa arto, bonege konas. Tiu filmo donis al nia lando la honoron atingi la plej dezirindan premion internacian en tiu branĉo, kiu ja estas la kino.

Mi bonege memoras, ke tiutempe forte oni trumpetis en la tuta lando pro la atingita distingo, kiu donis gravan reliefon kaj kategorion al la hispana kino. Mi sinceras kaj diras al vi, ke antaŭ tiu evento, mi neniam aŭdis paroli pri la premiita filmo. La ĵurnaloj ankaŭ ne abundis je ties informado. Kaj eĉ mi kuraĝas aldoni, ke tio ankaŭ okazis al multaj aliaj hispanoj. Eble mi ankaŭ devus konfesi, ke mi nuntempe neniam vizitas kinejon. Por senlaborulo, ja estas lukso elspezi ducent aŭ ducent kvindek pesetojn por spekti filmon. Sed mi ankaŭ restas fremda al la disvolviĝo de nia kino. Nuntempe pri filmoj mi kontentiĝas kun tiuj, kiujn mi povas spekti pere de mia nigra-blanca-kaduka televida aparato. Jes, tiuj filmoj estas malnovaj, kio ne signifas, ke ili estas pli malbonaj al tiuj nunaj.

Mi bone memoras, ke kiam estis - anoncata la triumfo de "Rekomenci", samtempe mi legis en barcelona ĵurnalo, ke la filmo estis projekciata en iuj kinejoj de la grava urbo, sed la rezulto entute estis deficita. Mi multe miris pri tio, ke filmo, kiu ne vekis intereson inter la publiko estis prezentita al tiom grava kaj prestiĝa konkurso. Tamen mi opinias, ke "ion" devis posedi la filmo, kiam la respondeculoj, la spertaj homoj pri tiu arto, decidis prezenti la filmon en la plej granda ekspozicio kina de la mondo.

La demandoj aŭ la kerno de la afero estas: ĉu ni hispanoj ne kapablas doni aŭ koni la ĝustan valoron de nia kino?, ĉu tio restas nur por elito de sinjoroj spertaj?, ĉu la respondeculoj de la hispana kino ne scias kapti la personecon de la hispanoj? aŭ, ĉu ĉiuj filmoj estas tiom malbonaj, ke la hispanoj ilin ne akceptas? kial devas esti eksterlande, kie nia kino ricevas, laŭŝajne, meritatan premion?, kial, kiam oni premias iun filmon hispanan, ni tiom fanfaronas, se antaŭ ni ne kapablas rekoni ĝian valoron?, ĉu ni hispanoj estas tiom analfabetaj rilate al tio, ke devas esti aliaj, kiuj valorigas niajn filmojn ,



nian kinon? Eble estas multaj demandoj por tuja respondo.

Mi devas aldoni, ke post la triumfo de "Rekomenci" en Holivudo, la filmo estis projekciata en la loka - kinejo de Sabadell. La filmo estis dum du semajnoj en la ekrano kineja, kio ja ne estas longa tempo, kompare al la loĝantaro de la urbo.Do,kio okazas al la hispano amanta la kinan arton?

Bedaŭrinde la referenco pri la menciita filmo, ankaŭ estas aplikebla al aliaj filmoj, kiuj iel ricevis distingon for de niaj limoj, filmoj, kiuj siavice apenaŭ estis konataj interne de la lando. Mi bone memoras , ke iam ricevis premion la mallonga filmo "La Kabineto", tie en Nov-Jorko. Tio jam estis eksterordinara surprizo por la hispanoj. Poste mi spektis ĝin, pere de mia televida aparato, kaj ankaŭ mi devas konfesi,ke ĝi ne plaĉis al mi. Evidente mi ne intencas analizi ĉi tie la motivo, por ke tiu filmeto ne plaĉis al mi, sed mia kriterio estas bazita sur konkretaj opinioj.

Revenante al la filmo "Rekomenci" mi ankaŭ memoras, ke inter la longaj klarigoj, kiujn mi aŭdis pri la premio, estis la aserto de iu intervjuito, kiu diris: la respondeculino de la hispana kino venis al Usono kaj aranĝis ĉion bonege, ŝi vizitis altrangajn sinjorojn, kaj la rezulto jen estas. Mi ne deziras analizi ĉi tiun klarigon, tamen la frazo povas havi multajn kaj diversajn interpretadojn.

Mi jam scias, ke parto de la filmo estas filmita en la patrujo de "Heleco", kio sendube ĝojigas la tiean loĝantaron. Tamen, kaj laŭ mia scio, la plej granda parto de la filmo disvolviĝis en Usono.

Por mi plej grave estas, ke ni ne kapablu valorigi nian propran arton. Malbona afero estas, se ni devas atendi opiniojn de fremdaj homoj por scii, kion ni kapablas. Alia afero estas la komercigado de filmoj, kio jam eniras en alian terenon tre komplikan , kaj des pli en sociordo, kun ĝia tiel nomata merkato.

Mi ne scias, kiam ĝi estos projekciata pere de la televido. Oportune mi promesas, ke mi denove skribos pri ĝi. Tiam fakte, mi ne devos bazi miajn opiniojn sur fremdaj kriterioj. Hodiaŭ mi unike celis tion: kial ja - estas aliaj, kiuj decidas pri la hispana kina arto ?

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL



daŭrigo de paĝo 3
porti la finajon "n" .

La t.n. NOMIĜAS, kiu uzurpas la - oficon de s-roj ESTAS kaj NOMATA en la linioj 46ª de la supre menciita paĝo kaj lasta de la paĝo 6.
Esperburgo, la 1-an de Marto 1.984.
La Ĉefkomisaro, Al Zibjado.

# PRI LA LINGVORIFARO

La madrida ĵurnalo "El País" publikigis, la 3-an de pasinta Februaro, sciigon, kiun mi ne rezistis esperantigi por la leganto de "HELECO". Jen mia traduko:

"La turka temo kaj la striko de interpretistoj semas ĥaoson en la Eŭropa Konsilantaro

REUTER, Strasburgo

La Asembleo de la Eŭropa Konsilantaro prokrastis hieraŭ sian laboradon unu tagon pli frue ol antaŭvidite, meze de ĥaosaj scenoj kaŭzataj de striko de interpretistoj kaj de akra polemiko pri la ĉeesto de turkaj deputitoj. La kutima vintra kunsido de la Konsilantaro, organizo konsistigita de 21 eŭropaj parlamentaj - demokratioj, finiĝis post reciproka insultado inter dekstraj kaj maldekstraj deputitoj.

La sparko kaŭzanta la dialektikan brulon eksaltis matene, kiam la internaciaj interpretistoj ekstrikis por peti pli bonan kovradon por sia sociala asekuro.

Tiu senlimtempa striko estis la unua, kiu devigis la Eŭropan Konsilantaron, dum 34 jaroj da historio, prokrasti unu el la kunsidoj de la Asembleo.

Kiam la deputitoj revenis posttagmeze por decidi ĉu la kunsido povas esti daŭrigata sen interpretistoj, la socialistoj akuzis la konservativulojn, ke ili apogas la strikon celante prokraston de la pridisputata debato pri agnosko de la 12 deputitoj de la nova turka Parlamento.

......................................"

ALCIBIADO

La Felguera, 1984-03-16

  

NEKROLOGO

Denove la senkompata Parco senigis Nian Movadon je grava homvivo. La 4-an de Aprilo, trofrua morto rabis al Esperantujo s-anon Pedro Nuez, kiam li ankoraŭ estis nur 56-jaraĝa.

Eble Ni ne bezonus mencii la kvalitojn de s-ano Pedro Nuez (Petro Nukso, kiel li mem ŝatis esti nomata de sia ampleksa geamikaro); tamen, Ni deziras reliefigi liajn ĉiaman bonhumuron, spritan gajecon, helpemon kaj homamon, sen forgesi lian viglan kaj senlacan laboradon por Esperanto; lian regon super Nia Lingvo, kiun li majstre uzadis; lian kompetentan instrukapablon, estante mem aŭtoro de taŭga lernolibro de Esperanto.

Ni sincere funebras kaj priploras tiun gravan perdon, kiu estas neanstataŭebla. Ni esprimas Nian koran kondolencon al liaj vidvino kaj ceteraj gefamilianoj.

HELECO.-

# Niaj Geamikoj el....

## ....Bulgario

## SESDEK JAROJ DE LA SEPTEMBRA RIBELO

Antaŭ sesdek jaroj en Bulgario eksplodis la unua kontraŭfaŝista ribelo en la mondo.

Post la Unua Mondmilito en nia lando komenciĝis periodo de revolucia leviĝo de la popolamasoj. La kontraŭpopola koruptita kaj aventura politiko de la grandburĝaro kaj la kortego estis tute kompromitita. La Agrarana Asocio,kiu havis grandan influon sur la fundamentaj tavoloj de la popolo - mezhavaj kaj ethavaj kamparanoj - balotgajnis la regpotencon kaj ĝi pledis por radikalaj demokratiaj reformoj. Dua partio laŭ sia influforto inter la popoltavoloj estis la Komunista partio. Profitante la ekzistantan malfidon inter la Agrarana kaj Komunista partioj kaj siajn poziciojn en la estraj rondoj de la armeo, la reakciularo faris je la 9a de Junio 1.923e jaro faŝistan ŝtatrenverson. La frapo estis subita. La saman nokton la armeo okupis ĉiujn gravajn punktojn en la ĉefa urbo kaj en aliaj grandaj urboj. La faŝistoj celis senigi la popolamasojn je politika gvido, trompi kaj dormigi ilian atentemon.

La Bulgara Komunista Partio prenis sur sin la taskon senmaskigi tiun ĉi trompon. En la komenco de Aŭgusto Georgi Dimitrov publikigis serion da artikoloj en "Laborista Ĵurnalo", en kiu li nudigis la faŝistan esencon de la ŝtatrenverso, montris ke la ŝtatrenverso ne estas direktita nur kontraŭ la Agrara Asocio, sed ankaŭ kontraŭ la popolo kaj ĝiaj organizaĵoj. La savo povis veni nur per la kreado de larĝa fronto de la progresemaj kaj demokratiaj fortoj por batalo kontraŭ la ofensivo de la faŝismo. La Komunista Partio komencis prepari sin batali per armiloj. La popolamasoj volis decidajn agojn, tamen krom la Agrarana Partio neniu alia partio respondis favore al la alvoko pri unueca fronto.

Je la 12e de Septembro la faŝistoj arestis pli ol du mil komunistajn agantojn, fermis la klubejojn kaj ĉesigis la aperon de la ĵurnaloj de Komunista Partio, de Junulara Komunista Unuiĝo kaj la profesiaj sindikatoj. Antaŭ la Partio staris la dilemo: aŭ plena kapituleco, aŭ ribelo.

La 23-an de Septembro 1.923 en diversaj regionoj de Bulgario, plej multe en Nord-okcidenta regiono kaj en Stara-Zagora distrikto eksplodis la heroa ribelo kontraŭ la faŝismo de Aleksandăr Cankov. La ribelon gvidis Georgi Dimitrov, Va-



sil Kolarov, Gabril Genov kaj aliaj. En iuj lokoj la popolo ekribelis spontane antaŭ la fiksita dato kaj aliloke malfruiĝis. Vico da taktikaj eraroj ebligis - al la faŝista registaro manovri libere, translokadi trupojn kaj disbati la centrojn de la ribelo ĉiujn aparte.

La ribelo ne sukcesis, ĝi estis kruele subpremita de la reakcio.Pereis multaj bulgaraj laboristoj kaj vilaĝanoj. Terurajn tagojn travivis tiam bulgara - popolo.

La bulgaraj esperantistoj ĉiam estis progresemaj homoj. Dum la septembra - ribelo multaj el ili helpis la ribelintojn aŭ partoprenis en la ribelo.

La sperto de la septembra ribelo en 1.923 jaro kiel unua kontraŭfaŝista - ribelo en Eŭropo, havis grandan signifon ne nur por nia lando, sed ankaŭ en internacia rilato.

La septembra ribelo metis la fundamentojn de la venko de la laboruloj en Bulgario super la faŝista reĝimo je la 9ª de Septembro 1.944ª jaro.

Gabrovo, 11.09.1983 Kontribuaĵo sendita de Bojana Prodanova




El
mal-
proksi ma in-
sulo skribas al vi
amiko por danki vian kontri
buon al nia por-esperanta labo ro.
Vi certe scias,ke nia insulo forigis
ekspluatadon de homo far la homo kaj -
konstruas prosperan estontecon.
Mi kuraĝas babiladi iomete kun vi kvankam min tre
ektimigas la komisaro.Li sagace trovas kaj arestas ĉi-
ujn deliktulojn,kaj vere mi tre timas.
Kelkfoje mi pensas diri al la komisaro ke pli bone li devas
fari antaŭevitan laboron, ol aresti poste,kiam jam ĉiuj konas la
malfeliĉajn ulojn.Vere tiu taĝmento estas respektinda,sed mi opinias,
ke ĝia estro, kiel sperta komisaro, devas traserĉi ĉiujn angulojn,
el eltrovi la deliktulojn kaj ilin konsili ŝanĝi iliajn e-
mojn,helpi al ilia perfektiĝo kaj eviti ilian kuniĝon
kun aliaj, pliboniĝante tiel vin antaŭ la publikiĝo.
Mi estos ĝoja, se tiu respektenda komisaro hel-
pus nin, nere de sia taĝmento, balai la delik-
tulojn el nia ĉirkaŭaĵo.
Mi petas vin transdoni mian saluton kaj
manpremon al ĉiuj estraranoj de AEA.
Antaŭdankon !
Via kuba amiko,

Ricardo Salazar Crespo
Juan Canino # 66
Cascorro-Camagüey,Cuba

# .... Hungario

Karaj gesamideanoj:

Kiel vi certe jam informiĝis, en 1.983ª jaro en Budapeŝto okazis la 68ª Universala Kongreso.Laŭ oficiala anonco partoprenis ĝin pli ol kvin mil homoj el 50 landoj.

Mi ankaŭ partoprenis la Kongreson, kie mi aŭdis multajn valorajn opiniojn rilate al la ĉeftemo "Sociaj kaj lingvaj aspektoj de la moderna komunikado". La membroj de la Kongreso havis eblecon ekkoni Budapeŝton, la ĉefurbon, kaj fari ekskurson sur regionoj de Hungario. Post la Kongreso, kelkaj partoprenantoj daŭrigis la vojon al Eger, kie oni ĉiujare aranĝas la SELE-n*

La malgranda, sed bela urbo Eger, situas en la nord-orienta parto de Hungario, ĉirkaŭ 140 kilometrojn de Budapeŝto. La urbo havas 60.000 loĝantojn. Eger jam antaŭ 1.000 jaroj estas Episkopujo. La urbo havas multajn historiajn memoraĵojn. Ĉi tie troviĝas multaj preĝejoj. La plej fame konata historia monumento estas la fortikaĵo, kiu konstruiĝis en la XVª jarcento por la defendo de la lando. Krom tio tre fama estas la termalakvaj banejoj de Eger. La hungara registaro helpas konservi la progresajn tradiciojn, artobjektojn. Eger estas tradicia lerneja urbo, sed ĝiaj gastoj ne povas forgesi la ruĝan vinon de Eger, la t.n. "virbovsangon".

Amikeco de egeraj esperantistoj kaj karakteriza ĉarmo de la urbo Eger altiras la fremdulojn.

La egeraj esperantistoj havas inter rilaton kun la esperantistoj de ĉiuj kontinentoj. La esperantan lingvon ni uzas kiel helpilon okaze de interŝanĝo de leteroj kiam unu la alian povas ekkoni kaj ŝanĝi opinion.

Okaze de la Somera Esperanta Lernejo en Eger ni inaŭguris memortabulon de Zamenhof. Ĉi tiu memortabulo nun troviĝas en la urbocentro, sur la promenejo "Esperanto". Ĉe la inaŭguro partoprenis la lernantoj alvenintaj el dek landoj, kiuj partoprenis la SELE-n.

Ni egeraj esperantistoj esperas, ke per nia modesta agado ni helpas, akcelas la disvastigon de Esperanto kaj pro tio ankaŭ interkomprenon de diversaj popoloj.

Salutas vin, D-rino Mária Faludi, el Eger.

*SELE: Someran Esperantan Lernejon de Eger

# (AKROSTIKOJ)

"Aktivo homforma". Jen ĝusta portreto
De l' viro celata en ĉi akrostiko,
Ofte babilanta kun gaja rideto...
Nu, tio ja helpas al lia efiko
Inda pri laŭdado de la verda reto.
Sinceran gratulon, frato kaj amiko!!

Alcibiado * * * Perán, 1.982.09.20

Miloj da sensencaj frazoj,
Indaj je saĝa rifuzo.
Morna stilo. Fuŝa uzo
Eĉ de simplaj lingvobazoj.
Malaprobenda konfuzo!!

# KUIRANTE KUN PILAR

## ABRIKOTA SUFLEO

INGREDIENCOJ: 3 Ovoj.
60 gr. da sukero.
2 tekuleroj da gelateno.
1½ dl. da abrikota kaĉo.
1½ dl. da kremo.
1 supkulero da ŝereo.
kelkaj duonigitaj migdaloj.
varma akvo.

---

Batu la ovoflavojn kune kun la sukero ĝis ties densigo, aldonu la gelatenon, solvitan en varma akvo, kaj malvarmigu la tuton.

Aldonu la abrikotan kaĉon kaj ŝereon, kirlu ĉion, kaj kiam ĉio estu tute malvarmigita, aldonu la kremon.

Enmiksu la firme kirlitajn ovoblankojn.

Metu ĉion en vitran pladon kaj, kiam la sufleo estu tute firma, garnu ĝin per migdaloj.

BONAN APETITON !

# DISTRAĴOJ

## HELECO-ENIGMO




HORIZONTALE:

A) Malgranda tervojeto en kampoj, arbaro ks. Malnova mezurunuo de longo, varanta laŭ la tempoj kaj la landoj, de 50 cm. ĝis unu metro.

B) Objekto de la penso; prezento de estaĵo aŭ afero en la spirito. La plej antaŭa parto de ŝipo aŭ boato, kie ĝi komencas retroarkiĝi. C) Oficiale kaj publike anonci. Puŝi objekton glitigante ĝin sur la surfaco, sur kiu ĝi kuŝas. Virnomo, i.a. de evangelisto. Ĉ) Paŝkomputilo. Kaŭzi al iu suferon kompense de ties malbonfaro aŭ kulpo D)Manĝaĵo el kirlitaj ovoj,kuiritaj en pato kun butero kaj spico kaj prezentata duige faldita.E) Tria parto de la maldika intesto, post la jejuno kaj ĝis la dika intesto.

VERTIKALE:

1) Klarigi kaj komprenigi ion, montrante ĝian signifon, ĝian naturon, ĝiajn kaŭzojn aŭ motivojn. 2) Ligna aŭ metala rado, turniĝanta ĉirkaŭ akso kaj havanta kavigitan randon por glitigi en ĝi ŝnuron, rimenon.(inverse) .
3) Fabriko por metalproduktado kaj metalprilaborado, en kiu la plej grava laboro, estas farata per maŝinoj.4) Organa korpo, produktata de la inoj de diversaj klasoj de animaloj kaj enhavanta ĝermon de estonta samspeca animalo.5) Blanka substanco, uzata kiel dolĉigilo anstataŭ sukero, kiam tiu estas malsaniga aŭ malfacile akirebla.6) Publika, ordinare ŝtata - institucio, por la rapida transportado de leteroj, gazetoj kaj malgrandaj paketoj.7) Persona nedifinita pronomo ,signifanta "la homoj;multaj aŭ kelkaj personoj; iu nekonata persono".8) Granda afrika mamulo el la subordo de rabobestoj, specio de la genro feliso, kies virbesto portas densan kolhararon.9) Montri sian doloron per larmoj kaj ĝemetoj.10)Sankta bildo, pentraĵo sur ligna tabulo, kiun la ortodoksuloj honoras per kulto.

## SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 36ª NUMERO DE "HELECO"

HELECO-ENIGMO:

HORIZONTALE: 1) Tri.Jam.Benzino.Eks.Avataro.Salubra.Vikingo. 2) Merlo.Avo.Iri. 3) Por.Iom.Pinaklo. Societo.Rosmaro.Oksiuro.Insigno.

VERTIKALE: 1) Rudimento.2) Anakoreto.3)Ekspansii. 4) For.5) Omo.Emo.6) Komisiono.7) Tro.8) Vertikalo.9) Nil.10) Ovo.Ejo.11)Saksofono.12) Ano.13)Vulkanizi.14) Optimisto.

REBUSO: Lacon (La Co-n)

ĈU VI SATAS MATEMATIKON ?

La sescifera numero estas: 125346

EKSPLIKO:

Ni reprezentu la unuan ciferon per la litero A; la duan per litero B; la trian per C; la kvaran per Ĉ; la kvinan per D kaj la sesan per E.

Laŭ la donitaĵoj de la problemo, ni povas skribi:
A+B+C+Ĉ+D+E= 21; A + B= Ĉ (1) ; A + C= E (2)
B + Ĉ= C (3)   A + D= C (4) ; C + D=3Ĉ (5)

De la ekvacio (1) ni eltiru valoron de A, en funkcio de Ĉ kaj B; A= Ĉ - B.Sumante la ekvacioj (1) kaj (3), rezultas: A + C= 2Ĉ, sed ankaŭ A + C= E, do E= 2Ĉ.Ni anstataŭu en la ĝenerala ekvacio la valoroj de A, B,... en funkcio de Ĉ, kaj rezultas: Ĉ + 3Ĉ + Ĉ + 2Ĉ= 21; 7Ĉ =21 ; Ĉ =21:7= 3
E = 2Ĉ = 2x3 = 6.De la ekvacio (4) ni eltiru valoron de A; A= C - D, sumu kun la ekvacio (5) kaj rezultas: 2C= A + 3Ĉ= A + 9-; C=(A + 9) : 2.Anstataŭigante ĉi tiun valoron de C en la ekvacio (2), rezuktas: A + (A+9):2 =6; 2A + A + 9= 12; 3A = 3
A = 3:3 = 1; C= (A+9):2= (1+9):2 = 10:2 = 5. La valoron de D,ni povas kalkuli de la (4) ekvacio, ekzemple, do A + D= C; D= C - A= 5 - 1= 4, kaj la valoron de B, de la ekvacio (3), B + Ĉ= C ;
B= Ĉ - C= 5 - 3= 2

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | T | A | K | O | V | D | A |
| R | O | O | Ĵ | A | K | O | K |
| E | S | T | I | M | I | L | T |
| I | E | S | N | U | R | D | O |
| K | A | I | P | E | N | Ĥ | R |
| N | L | S | J | U | G | I | O |
| A | N | A | Ĥ | O | J | A | N |
| B | U | Ĉ | I | S | T | O | S |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de profesioj. Serĉu ilin !

Por la celo vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## KUBOMANIO




Jen estas kubo enhavante ses literojn, tri el ili estas videblaj; la ceterajn vi devas serĉi.Por la solvo, sciu ke la serĉotaj literoj povas aŭ ne esti egalaj al kiu ajn de la videblaj , sed nepre ili ĉeestas en iuj el la 5 vortoj kies difinoj ĉi sube oni listigas.

1)Specio de nov-zelandaj papagoj, kun tre longa beko (nestor notabilis)
2)Ujo por enhavi dokumentojn, paperojn,
3)Harego. 4)Mamulo el la subordo de rabobestoj,g.feliso,tenata kiel muskaptanta dombesto (felis ocreata).
5)Scioplena, klerega.

## MISKOMPRENO

Mary, buena amiga mía,
púsome cara de espanto
al oír como se decía
la voz "hoy" en Esperanto.
Pero (duda no les quepa)
no me extraña en absoluto.
Más, ¿qué dirá cuando sepa
que "pozo" se dice "puto" ?

ALCIBIADES